


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro** **Majo 1934** **N-ro 36**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089

## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondaĵojn al APARTADO DE CORREOS N.° 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

**Balance de fondos correspondiente al primer trimestre de 1934**

*CARGO*

| | |
|---|---|
| Existencia en 1.° de enero | 612,98 |
| Cuotas de socios de 1933 | 8,00 |
| Cuotas de socios de 1934 | 736,50 |
| Venta de libros, folletos e insignias | 153,18 |
| Subvención del Ministerio de Instrucción Pública y Bellas Artes para el primer trimestre de 1934 | 2.250,00 |
| | 3.760,66 |

*DATA*

| | |
|---|---|
| Alquiler de casa durante el trimestre | 300,00 |
| Gratificación a la portera, por limpieza del cuarto | 30,00 |
| Gastos de Secretaría | 306,40 |
| Facturas de los Sres. Chulilla y Angel por los números de la revista de febrero, marzo y abril y otros impresos | 775,00 |
| Personal de Secretaría | 360,00 |
| Descontado por la Hacienda en formalización al hacer efectiva la subvención, y timbre para el libramiento del cobro | 88,89 |
| Girado a U. E. A. por cuotas de M. J., M. A. y M. S. | 231,40 |
| | 2.091,69 |

RESUMEN

| | |
|---|---|
| Importa el Cargo | 3.760,66 |
| Importa la Data | 2.091,69 |
| Existencia en metálico en el día de la fecha | 1.668,97 |

Madrid, 31 de marzo de 1934.—El Tesorero, *Julián Sosa*.—Intervine: El Secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

## ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 18 horas y 30 minutos del día 9 de abril de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros que se expresan al margen.

Se leyó y aprobó el balance de fondos del primer trimestre de 1934.

El bibliotecario D. José Buzón presenta la dimisión de su cargo, fundada en que sus ocupaciones profesionales no le permiten atenderlo debidamente. Se acuerda aceptar la dimisión, lamentando el cese de este samideano, y a propuesta de D. Fernando Molina se acuerda le sustituya doña Visitación Martín Gómez.

Se acuerda hacer una edición de dos mil ejemplares de *Provo pri Idearo* aprovechando la composición linotipista que se está haciendo de esta obra para publicarla en la Revista.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad.

El vicesecretario D. Jacinto Martín comunica que hasta ahora se han traducido ya del esperanto al castellano ciento cincuenta documentos (cartas, postales, etc.) que ha recibido de todo el mundo el Patronato Nacional del Turismo, lo que prueba la importancia que nuestra labor está adquiriendo en el mundo turístico.

No habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

Madrid, 9 de abril de 1934.—El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente; el tesorero, D. Julián Sosa (que llevaba la representación del vicepresidente D. José Perogordo); el vicetesorero, D. Fernando Molina; el bibliotecario, D. José Buzón; el vocal D. José Artigas; el vicesecretario, D. Jacinto Martín, y el secretario.

## ARABA RAKONTO

Tribestro, ĉifonvestite, kies nomo estas Mamum (Ala' benu lin), renkontis sur la vojo viron, kiu rajdis sur hufulo, la ĉifonvestito haltigis lin, demandante:

—Ho, frato! Je via sano, respondu: Kiel vi gajnas por liveri al vi ĉion necesan por la vivo?

—Vendante po cent tion, kion mi aĉetas po dek.

—Kaj kiel vi vendas al la malriĉuloj?

—Por mi estas ne riĉuloj kaj malriĉuloj; estas nur aĉetantoj...

La arabestro daŭrigis sian iradon; kaj li renkontis terkulturiston, al kiu li demandis:

—Kiel vi gajnas por vin subteni?

—Vi jam vidas la kielon, ho, frato! Mi laboras la grundon, kaj

mi vendas rikoltitaĵojn.

—Kiel vi ĝin vendas?

—Po sesdek dinaroj mi liveras la produkton de sesmonata laboro.

—Kaj kiel vi vendas al la malriĉuloj?

—Mi ne vendas al miaj malriĉaj fratoj, mi donacas al ili tion, kio al mi estas superflua pro supermezuro, kaj kio ne estas malmulta.

La arabestro, daŭrigante sian vojiradon, alvenis al urbo, kaj en vendoplaco li vidis viron, kiu kantadis. Aŭdinte lin atenteme, li demandis:

—Kion vi faras por vivi?

—Mi kantadas...

—Kion vi kantadas?

—Vi jam aŭdis, miajn versaĵojn...

—Kiom da mono vi enspezas pro viaj versaĵoj? Kiel vi pagigas la aŭdantojn?

—Ĉu pagigi miajn versaĵojn? Ne, mi donacas ilin al aŭskultantoj, kaj ili kompense memvole donas al mi sufiĉaĵojn por ke mi ne mortu pro malsato.

La ĉifonvestito ekmalantaŭeniradis sur la sama vojo, kaj alveninte ĉe la kamplaboristo, li diris:

—En la urbo, en vendoplaco estas kantisto, kiu vivadas kantante al la publiko el kredantoj. Li estas malriĉa: alportu al li sakon da tritiko.

—Mi konas lin, kaj mi ŝuldas al li pli da unu larmo kaj pli da unu ĝojo. Mi alportos al li la sakon da tritiko kaj komplezos vin.

La tribestro reekmarŝadis malantaŭen kaj renkontinte denove la komerciston, al ĉi tiu sin turnis tiel:

—En la urbo estas kredanto, kiu kantadas en la vendoplaco granda kaj amuzas la homojn. Iru kaj donacu al li iujn orajn monerojn.

—Mi ne donacas al kiuj ne laboras al mia profito.

La tribestro miris kaŭze de la respondo kaj rediris:

—Ĉu vi scias svingi la sabron kaj trafe uzi la pafarkon? Ĉu vi scias skermi la lancon por senkompate vundi pro defendo de l' Islamo kaj de via honoro? Ĉu vi scias galopigi vian ĉevalon en viajn malamikojn ne pensante pri la malvenko aŭ la morto? Ĉu vi scias riski vian vivon pro amo al virino? Ĉu vi scias plori kiam oni vin venkis kaj danki Ala'n post la triumfo? Ĉu vi estas kapabla mediti pri la grandeco de l' Unikulo kaj ne fari tion, kion malpermesas la Libro?

—Mi ne scias tion, kion vi demandas. Parolu al mi tiel, ke mi povu kompreni vin.

La tribestro ekdeiris de li, dirante:

—Mi eraris. Mi kredis vin homo, kaj mi konstatas, ke vi nur estas komercisto...

Revenis la kvazaŭ pilgrimanto al la urbo, li aliris al la kantanto, li sin alproksimigis al la poeto kaj diris:

—Ĉu vi amas?

—Mi vivas konstante enamigate!

—Ĉu vi ploras?

—La riveroj de la tero estas miaj larmoj!

—Ĉu vi ridas?

—Pli ol la vento blovas!

—Ĉu via brako scias defendi la Islamon?

—Tiom da malkredantoj mortigis mia brako, kiom da maljustuloj estis kondamnataj de miaj satiroj...

—Ĉu vi scias forlasi viajn bienojn?

—La tuta urbo ricevas miajn bienojn, kaj tamen malofte mi ricevas ian nutraĵon aŭ iom da amo!

—Ĉu vi meditas?

—Se mi ne ĉi tion farus, kiel mi povus, per miaj kanzonoj, interpreti la vivon kaj kompreni la grandecon de Ala'?

—Ho, frato!—ekkriis plenkontente la tribestro—. Post multe da jaroj en soleco kaj meditado, mi trafis la Unuecon; dezirante trovi puran homon, mi iradis de loko en lokon, ĉien... Komercisto, demandite de mi, respondis same, kiel ĝenerale estu dirinta de Sultano al mizera ŝarĝisto de haremkaravano; kamplaboristo, kiun mi demandis same, respondis al mi, kiel faras la bonkoraj homoj; sed vi, ho, frato!, respondis same, kiel faras la malmultenombraj homoj kapablaj konscii la superecon de l' Unikulo. Ni foriru malproksimen de egoistuloj kaj naivuloj.

La ĉifonvestito kaj la poeto forlasis la urbon, kaj ĝis nun oni ne scias, kien ili iris, kie ili estas.

---

# ALIA KORTO, ALIA AERO
## de Kolomano Mikszáth

*Tradukis:* NIKOLAO KLEIN

Holubar estis malriĉa, nobela junulo, en talio Goliato, en ŝultro larĝa, super lia fortega kolo altiĝis granda kapo, en liaj elastaj muskoloj estis neorda forto, tiel, ke el la malgranda vilaĝo, kie li vivis, kaj kie—eterne interbatalante—li multajn ostojn de siaj kamaradoj rompis, ĝis la ora Praha flugis lia famo.

Dum la floreco de lia juneco ankaŭ li tien alvenis karieron fari;

sed nur unu titolon li atingis, «ĉeĥa giganto» estis lia nomo en la kortego de reĝo Georgo de Podjebrad, kie lian krudan forton, komparante kun granda lerteco, li akiris tian perfektecon en la tiamaj virtaj interbataladoj, estu tiuj aŭ en luktado, aŭ per ponardo, lanco aŭ glavo, ĉu per piedo, ĉu sur ĉevalo, ke li super ĉiu leviĝis. Dum la virtaj turniroj, kiujn reĝo Georgo en la korto de la Hradsin aranĝis, dum du jaroj li per ludanta facileco venkis ĉiun ĉeĥan kavaliron. Kio ne estis bona por li mem, ĉar fine jam neniu volis batali kontraŭ li. La idoj de potencaj familioj ne ĉesis intrigi kontraŭ li ĉe la reĝo, kiu konsentante tiujn, anstataŭ lin reteni en sia kortego, kiel heroon de herooj, nominacis lin kiel zorganto ien tre malproksimen, ĉe la reĝajn minejojn, kie eĉ la sunradioj ne brilu lin.

Holubar treege ĉagreniĝis pri tiu-ĉi proceduro, kaj furiozade li aperis antaŭ la reĝo, kaj riproĉis al li:

—Ĉiun ĉefulon mi venkis, ĥo Sinjoro Moŝto Reĝo, kaj jen la premio estas, ke vi sendas min sub la teron!

—Jes, respondis la reĝo—, ke vi venku eĉ la koboldojn por perforti el ili la minojn.

—Mia profesio estas la glavo, lanco kaj ne la fosilo. Sendu min tien, Reĝa Moŝto, kie mi povos interbatali.

La reĝo malvolonte suprentiris siajn ŝultrojn:

—Hja, la grandaj militoj finiĝis. Hejme—aldiris anime—, vi nur miajn vasalojn povas terenĵeti, tio ja ne estas al mi profito, kaj ne ĝuo por ili. Ankaŭ vi povas tion vidi, mia dolĉa knabo, ke por vi mi ne povas al iu militon deklari. Sed, se vi volas kie ajn interbatali, serĉu por vi malamikon je via barbo, sed ĉi-tie, hejme ne interbatalu al mi!

Tion prenis Holubar, kiel senprokrastan forsendon, kaj vendante sian malgrandan bienon, kion li havis, por ke li povu ekipi sin mem kaj sian serviston kavalirmaniere laŭ la modoj de la tiamaj tempoj, mondon vidi, famon, gloron akiri per siaj pugnoj.

De frenezulo venis la konsilo iri al Mainz. Tamen ĝin konsili ankaŭ saĝa homo. ĉar tiam estis Mainz plena de princoj, kavaliroj. Imperian kunvenon havis tiam tie Imperiestro Frederiko.

La kunvenintaj ordoj, kiuj per ŝanĝitaj ĉevaloj venis, kaj kolektis dum la vojaĝo ĉiaspecajn novaĵojn en la restoracioj, jam antaŭen alportis la informon:

—Giganto proksimiĝas al Mainz. Iu, nomita Holubar, kiu ĉiujn ĉeĥojn venkis jam. Per sia terura forto, li prempistas la plej lertajn bravulojn ĝis rubo. Sub lia pezo la tero tremas se li paŝas, kaj sub li la ripoj de la ĉevalo krakas kaj knaras. Tial progresas malrapide la monstro. Ĉar la ĉevalo devas sin ripozi ĉe ĉiu trinkejo. Sed morgaŭ,

postmorgaŭ tamen alvenos kaj alvokos batali la germanajn junkrojn. Do, nur, bonvolu prepari vin.

Estis granda surprizo, flustrado, divenado, kiu devos batali. Ĉu tiu, aŭ tiu ĉi? De alia oni eĉ ne parolis, nur de la nevenkebla ĉeĥo. Vere malagrabla afero nun, kiam tiom da pritraktindaĵoj estas. Kia honto estus, se neniu volus elstari, kaj eĉ tio, se li tiujn, kiuj elstaras, venkus? Tio plej saĝa estus, se oni ne lasus lin en la urbon. Gasparo Lagenhorst, la urbestro de Mainz estis boninstinkta homo, kiu ĉiam eltrovis, kion volas la grandaj sinjoroj. Okazis do, ke unu tagon aperis ĉevalrajdanta kuriero ĉe la pordego de la urbo, antaŭ la tie supren kaj malsupren iradanta gardaro.

—En la nomo de la urbestro—li diris montrante la ringon de la urbestro—. Gasparo Lagenhorst, la urbestro ordonas al vi, se ĉeĥa kavaliro, nomita Holubar kun sia servisto aŭ sen li proksimiĝus al la urbo, fermu antaŭ li la pordegon, ke li iru en la nomo de Dio en alian direkton.

La oficiro de la gardistoj klinis sin:

—Laŭ la ordono ni agos!

Apenaŭ ke la rajdanto rerapidegis, paĝio venis spiregante al la gardaro:

—En la nomo de la imperiestro—li diris kaj montris la ringon de la imperiestro—. Lia Moŝto ordonas al vi ke, se unu ĉeĥa kavaliro, nomita Holubar, alvenas, lasu lin pli internen kaj akompanu lin tuj en la palacon!

La oficiro de la pordogardaro klinis sin:

—La ordonon ni plenumos!

La gardistoj interrigardis kaj diris:

—Tiel, sed kian ordonon ni plenumos? Ĉar unu la alian rompas.

—Vere, sed ni estas la servistoj de la urbestro?

—Vere, sed eĉ la urbestro estas servanto de la imperiestro!

Tiel, ili plenumis la ordonon de la imperiestro. Antaŭ la alvenanta Holubar ili malsuprenigis la lancoj, kaj larĝe malfermis la pordegpartojn kaj preter sono de trumpetoj akompanis lin en la palacon de Frederiko.

La sinjoroj kunkolektiĝintaj al la «lever-o» scivole premadis sin al la fenestroj, diventrovante, meditante kial rompis lia moŝto la disponon de Langenhorst. Hm, certe ne vane. Ili tiel konis la imperiestron, kiu povas oron eltiri eĉ el la saliko. Pri ĉio, malgranda aŭ granda afero li tiel pensadis kion ĝi portas al la kuirejo. Tiu monon alia famon, kiuj egalaj estas, ĉar el la famo oni povas monon fari. Tion li tre bone sciis. Jus tiam, kiam oni raportis al li la alvenon de Holubar, li tiris sin en sian plej internan ĉambron, kien la oreloj de la ĉambelanoj ne atingas, tie li akceptis la fremdan kavaliron.

—Mi aŭdis vian famon, Holubar. Estu bonvole akceptita en mia kortego, se vi volas servi al ni!

Holubar klinis siajn genuojn.

—Mi ne havas pli dolĉan songon!

—Ni respektas vian egan forton kaj lertecon. Kaj se vi volas batali kontraŭ niaj kavaliroj, ni eĉ tion ne malhelpos. Eĉ kiel eksterordan konduton, mia filo Maksimiliano batalos kontraŭ vi.

La vangoj de Holubar ruĝiĝis pro la granda estimeco, ke li sian lancon kun imperiestra princo interkrucigi povos!

—Mi dankas la grandan gracon—flustris li emociiĝante.

—Sed—daŭrigis la imperiestro, eĉ pli afable kun unu grado—vi devas indulgi la princon, ja vi komprenas min.

—Nepre Moŝto, mi atentos ke li ne vundiĝu tre kaj dum la falo...

—Kiom, dum la falo!—ekkriis la imperiestro incitite—. Ĉu vi freneziĝis Holubar? Kial vi gapas tiel, Holubar? Do, eĉ nun vi ne komprenas, ke princo devas resti venkante, eĉ ke ĝi devas tiel ŝajni, ke la venko ne estis tre facila.

—Do, ke mi rompu miajn ripojn—diris la ĉeĥa kavaliro per amaraj vortoj de la trompiĝado—. Kaj se tamen kontraŭe okazos?

—Vi surpagos vian vivon, Holubar!

La ĉeĥo ektimis. Li sentis, ke li estas en malbono, jesi li ne povas, kaj nei estas tre danĝera.

(*Daŭrigota.*)

## PETROLKURACADO AL FTIZO

Valoraj eltrovoj de la homaro estas ofte ŝuldataj al la ludo de la hazardo. Ankaŭ ĉi tiu metodo de kuracado estis trovata dank' al la nesukcesa provo de memmortigo pro pesimismo de virino, kiu estis ftizomalsana dum jaroj. Tio okazis en Jamanasiken (Japanio). La virino trinkis ioman kvanton da petrolo kun la celo sin mortigi; tamen ŝi ne trafis la celon, sed male, ŝi resaniĝis je tute neatendita maniero.

La okazaĵo disfamiĝis rapide en la distrikto kaj la tuta lando. Oni elprovis tiaspecan kuracrimedon, kaj parte oni registris sukceson. La negrave malsanaj personoj plejparte resaniĝis post kelkfoja trinkado, kaj ankaŭ la grave malsanaj resaniĝis ordinare kiam ili estis trinkintaj 20-30 fojojn.

El empiria sintezo de la eksperimentantoj rezultas, ke petrolo estas celtrafa kuracrimedo, precipe se temas pri nekomplika rafinaĵo, tamen ĝi ne taŭgas en la formo de benzino aŭ gazolino. Ne malutilas kromuzi aliajn medikamentojn. Rilate la dozon estas rekomendinde trinki ĉiufoje

20 aŭ 30 centilitrojn, kaj ripeti tion post kelkaj tagoj. La maraemuloj trinku 10 aŭ 15 centil. ĉiufoje, la hemoftizulo 5-7 centil. por unu fojo. Tiam oni ne vespermanĝu, por eviti vomon; oni trinku ĝin antaŭ dormo kaj ne fumu almenaŭ kelkan tempon, por eviti ekflamiĝon de petrolgaso. Montriĝas kelkfoje ioma febriĝo kaj senkriza lakso; tio dependas de la korpa stato de l' koncernaj personoj. Tamen tiu simptomo malaperas post 24 horoj.

La negrave-malsanuloj konstatos jam post kelkfoja trinkado la malpliiĝon de l' tuso, sputo, dormtempa ŝvito; malaperas la ŝaŭmzono ĉe la difektita parto, k. t. p. Plej trafa ekzemplo estas persono, kiu post 30-foja trinkado de petrolo resaniĝis el malsano pro kiu ĝi suferis pli ol 10 jarojn. Krome oni povis kuraci per petrolo ankaŭ laringan tuberkulozon, intestan tuberkulozon, anusan fistulon, k. a. Sinekzamenantoj raportis, ke refreŝiĝis korpo kaj psiko post 1-2 foja ensorbo, ke pliiĝis la apetito. Tiam oni devas sindeteni manĝi, por esti fidela al la kuracprincipoj de la malsano.

Eŭropanoj jam aplikis petrolkuracadon ĉe kronika intestkataro, sed kredeble neniam uzis tian rilate tuberkulozon, specialistoj nun studas la demandon kiel ĥemian kaj medicin-klinikan objekton.

(El kompilita artikolo de japana gazeto *Sjuhunotomo*, publikigata de *Sennacieca Revuo*. Redakcio de ĉi-tiu revuo 23 rue Boyer, Paris, 20ᵃ, akceptas raportojn pri aplikado de tiu metodo en Eŭropo por komuniki al japana samideano kiu interesiĝas pri tiu temo).

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

## Pri la verko de S-ro. Francisco Azorín

Konsciinte la gravecon de ĉi verko H. E. A. celis de nia kompetenta samasociano ke nia Asocio eldonu ĝin laŭ la ebleco al la aŭtoro por pretigi la originalon de la kajeroj kaŭze de lia granda laboro, kiel deputito de la unua Parlamento, kaj al monrimedoj de la Asocio; pro facila interkonsento la grava verko aperis komplete. Diversfoje en ĉi gazeto oni atentigis pri ĝia graveco, *nur pri ĝia graveco* de la ĝenerala vidpunkto, sed ni ne recenzis la verkon ĉar ni opiniis silenti ĝis kiam fremduloj tion estis farintaj, por eviti juĝojn pri nia partieco. Jam alvenis la okazo por vidigi, ke ni estis tute pravaj por juĝi la verkon *tre grava, gravega*, kaj estas por ni granda plezuro transdoni al la hispana samideanaro la recenzon, kiun faris la Brita Esperanto Asocio, pro kio la heaanaro devas profunde ĝoji dank' al vera triumfo de nia kara samideano Azorín. Ĉu esprimi al li gratulojn

kaj laŭdojn? Ĉi tio estas nenecesa ĉar li ŝatas pli la profunde koran altestimon de la samideanaro ol parolojn, kaj li tute bone scias havi tiun profunde koran altestimon; lia modesteco, tiel granda, kiel lia kompetenteco, scios kompreni klare la sintenadon de H. E. A., kiu taksas lian triumfon sia. Jen la recenzo aperinta en «The British Esperantist» de aprilo de 1934:

«Ĉu tiu libro traktas la arkeologion kaj la arton. Ĝi devus esti en la manoj de ĉiu Esperantisto kiu tradukas aŭ legas. Aldone al la pure teknikaj vortoj, ĝi enhavas ankaŭ vortojn el la ĝenerala literaturo. Ekzemple, sur paĝo 8 troviĝas la jenaj: *akso*, *aksonometrio*, *akvo*, *akvaforto*, *akvarelo* kaj *akvario*. El ĉi tiuj ses vortoj nur la unuaj du estas vere arkitekturaj. Aldone al bona difino kaj al traduko en 6 ĝis 8 lingvojn, ĉiu termino havas bildon, kiu permesas nenian dubon pri ĝia ĝusta signifo. Certe ofte ne necesas legi la difinojn ĉar la bildoj tuj komprenigas la sencon.

»Por lernantoj, la libro bone taŭgas kiel lernigilo—ili simple rigardu la bildojn kaj faru al si demandojn pri ili.

»La spertulo ankaŭ legante la difinojn, ofte trovos novajn vortojn; ekzemple: *plumbumi: plenigi juntojn per plumbo*. Kio estas junto? *Junto* estas interspaco inter kunigitaj ŝtonoj aŭ lignaj aŭ metalaj pecoj. Kiaj juntoj ekzistas? *Lutita, dilata, kompensa, vertikala, artikigita*, k. t. p.

»La bildoj estas treege bonaj, multaj estas vere artaj. Aliaj estas tre praktikaj — ekzemple: *banĉambro*, kiu montras kaj nomas ses objektojn en la ĉambro. Mi tuj serĉis tra la libro, por vidi ĉu estas similaj bildoj por la aliaj ĉambroj de domo — ekzemple: *kuirejo*, *infanĉambro*, sed mi ne trovis ilin. Eble en venontaj eldonoj la kompilisto donos ilin al ni — tiam la libro estos perfekta.

»Trarigardante la libron denove, mi rimarkas kiel bonaj estas kelkaj terminoj kaj ties bildoj. Ekzemple la bildo ĉe «koloro» donas la kolorojn de la heraldiko, kaj kiel oni signas ilin per inko kaj plumo.

»Al Francisco Azorín kaj liaj kunlaborintoj gratulon kaj dankon.—*Henry Hyams*.»

Ĵus kopiinte la antaŭan recenzon, trafas nin la aprila numero de «Germana Esperantisto», en kiu nia kompetentega akademiano P. Christaller recenzas sufiĉe bone la verkon kaj gratulas la aŭtoron, ĉar «li donis al ni tiun instruan verkon». Ankaŭ samtempe trafas nin la marta numero de «UŜE-EĤO» kun bona recenzo.

H. E. A. fieras esti interkonsentinte kun S-ro. Azorín la eldonon de la verko, sed ni devas konstatigi, ke la tuta kliŝaro estas propraĵo de S-ro. Azorín, kiu ankaŭ pagis el sia poŝo ok cent ekzemplerojn por si mem.

# ENLANDA KRONIKO

*Cartagena.*—La tiea pioniro de Esperanto Josefo Lerroux komencis sukcese novan kurson ĉe la «Asociación de Dependientes».

La ĵurnalo *La Tierra* publikigas propagandajn artikolojn de niaj samideanoj Gonzalo García Urrea kaj Juan Cabezos González; kaj *La Tierra* kaj *Cartagena Nueva*, novaĵojn pri nia movado.

* * *

*Santander.*—En la Popola Ateneo klarigis konferencon pri Radio S-ro. Diego utiligante radian ricevilon. Poste nia samideano S-ro. Serapio Elvira parolis pri la malfacilaĵoj por divastigo de la homa penso, malgraŭ la radio, kaŭze de la multenombreco de la lingvoj, kaj pruvis dokumente ke la sola solvo de tiu problemo estas la lingvo Esperanto, jam uzata en multaj radiostacioj. Poste oni radiis iajn kantojn kaj la esperantista himno.

* * *

*Cheste (Valencia).*—La tieaj samideanoj organizis por la 22ª de la nuna aprilo la ĉiujaran esperantistan feston, kie (ni esperas) kunvenos multaj esperantistoj el diversaj provincoj, kiel okazas ĉiam.

# EKSTERLANDA KRONIKO

*Stockholmo.*—La 14an de aprilo ĉiuj grandaj ĵurnaloj de Stockholmo enhavis longajn artikolojn atentigante la svedan publikon pri tio, ke la kongreso de Esperanto estos la plej grava turisma evento en Stockholmo dum la tuta somero, kaj informante detale pri la antaŭpreparo de la kongreso «kies aranĝo estas modela».

La 16an de aprilo estis mil cent aliĝintoj al la kongreso, kiu, laŭ opinio de l' gvidantoj de la Esperanto-movado, estos ne nur grava sed decida por la venko de nia lingvo en Svedujo.

Post la solena malfermo de la kongreso, kiu okazos dimanĉon 4an posttagmeze en Koncerta domo, estos interkonatiga vespero en Grand Hotel Royal, la plej pompa restoracio de Stockholmo. Tie la kongresanoj povos ricevi vespermanĝon po 4 kr. (proksimume sep pesetoj) dum kiu, orkestro ludos dancmelodiojn kaj kelkaj famaj svedaj kantistoj, kiuj nun lernas Esperanton, prezentos bonhumorajn kantojn de Bellman kaj Wennerberg.

## IO EL ĈIO

### ĈU LA NUMEROJ MENSOGAS?

Knabo kaj knabino vendis oranĝojn. La knabino vendis du po kvin centimoj, kaj la knabo (pli malavara), tri po kvin centimoj. Sed ili estis geamikoj kaj ne volis konkurenci unu la alian, kaj decidis kunigi la fruktojn, ĉar ĉiu havis la saman nombron da ili, kaj vendi kvin oranĝojn po dek centimoj kaj ke la knabino estu la kasistino de la kompanio.

Vendinte ĉiom, ili dividas la monon, sed, ve!, la knabo notas ke se ili estus vendintaj malkune ili havus kvin centimojn pli. Mono mankas kaj la knabo suspektas pri la honesteco de sia kunulino. Feliĉe, trairanto pasas kaj klarigas ĉion al geknaboj. Ne la knabino, sed la numeroj mensogas, ĉar tiuokaze vendi du oranĝojn po kvin centimoj kaj tri po kvin centimoj ne estas same kiel vendi kvin po dek centimoj. Kiel oni povas klarigi tion, kaj kiom da oranĝojn ili vendis?

—o—

### LA INOJ DE LA HEJMO

Skribu literon sur ĉiu punkto kaj vi ricevos:

. ino, — en la manĝaĵejo.
. . ino, — en ĉia homa korpo.
. . . ino, — en la skriboĉambro.
. . . . ino, — en la salono, dum festo.
. . . . . ino, — en la fumosalono.
. . . . . . ino, — en la ŝranko de la vestoj.
. . . . . . . ino, — en kudroĉambro.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

—o—

### SOLVO DE LA PROBLEMO DE LA NUMERO 35

Sep serpentoj; el ili, kvar estis blindaj, du kapablis vidi per ambaŭ okuloj, kaj unu nur per la maldekstra.

